

# La Skolta Mondo

Organo de Skolta Esperanto-Ligo numero 1 /2005

Jamboree 2005






XII JAMBOREE SCOUT PANAMERICANO
Del 8 al 16 de enero de 2005
SAN RAFAEL - MENDOZA - ARGENTINA

## 12-a TutAmerika Ĵamboreo

de la 8-a ĝis la 16-a de Januaro 2005

SAN-RAFAEL - MENDOSA - ARGENTINIO

# La Skolta Mondo

**ISSN 0037-6558**
Oficiala Organo de Skolta Esperanto-Ligo n-ro 1/2005
The magazine of the Scout Esperanto League
Gazette de la Ligue Scout Esperanto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas
-
**Membrokotizo/Abonkotizo**
20% de la UEA-kotizo MJ(T)
Konto ĉe UEA: selx-m
redaktoro: Roberto Resende

Sugestoj kaj kontaktoj:
etaprinco@yahoo.com.br

Vi mem povas printi la numeron de *La Skolta Mondo* por viaj amikoj, lernejanoj kaj skoltaj gefratoj !



**Printebla versio** en:

www.esperanto.org/skolta/sm.pdf

# Enhavo



## JAMPAN 2005



Marcelo Daniel Lucero, SEL-reprezentanto en Argentinio kaj Fernando Inocencio, membro de ArgentEJO, faris grandajn servojn kaj al SEL kaj al la Esperanto-movado dum la 12-a TutAmerika Ĵamboreo 2005. Ili portis, varbis, instruis. Eĉ tempo por dormi kaj manĝi mankis al ili. Dum Marcelo zorgis la budon kaj akceptis la vizitantoj, Fernando vizitis la aliajn, varbis al Esperanto, invitis viziti nian budo. Li eĉ sukcesis intervjuon ĉe la Ĵamborea Radio, kio havis tujan reperkuton.

En unu el siaj "promenoj" li sukcesis trafi al D-ro Eduardo Missoni (foto), la Ĝenerala-Sekretario de TutMonda Skolta Organizaĵo (la plej grava homo en Skoltismo). Al li Fernado klarigis pri Esperanto kaj SEL. Unue D-ro Missoni miris ke Esperanto ankoraŭ ekzistas, sed poste li faris tre favorajn deklarojn pri la rilato Skoltismo-Esperanto.
Post tiel sukcesa partopreno, ni revas pri SEL-budo en TutMonda Ĵamboreo 2007.

# Nov-jara saluto el Francio

Bonne année 2005!!

Feliĉan jaron 2005!!

Heureuse année 2005, en bonne santé et pleine d'épanouissement, de voyages, de joies, d'accomplissements de vos rêves...

Feliĉan novan jaron 2005, bonfarte kaj plena je disfloro, vojaĝoj, ĝojoj, revplenumoj...



# 12-a TutAmerika Skolta Ĵamboreo




**Ni iros** - Geskoltoj el Rio Grande (Rivero Granda) en la Tero del' Fajro (la plej sude loĝata loko en la ter-globo) fiere montras la ŝildojn, kiuj ndikas kiom da rabato ili ricevis por partopreni la Ĵambcreon

---

**Problemoj, perfido, ... kaj problemoj**

Mi enskribiĝis en la 11-a JamPan 2001, pagis la jaran kotizon, la evento-kotizon, ricevis poštenon, konfirmon, k.t.p. 2 semajnojn antaŭ la inaŭguro, membro de UEB telefonis, informante ke ili ne povus permesi min en la evento.
Antaŭ 1 jaro, Marcelo skribis al mi, ke li intensas reprezenti SEL en la 12-a JamPan 2005, ĉu mi ne irus kun li. Mi tuj akceptis, kaj komencis prepari ĝon. Mi pagis, sendis la aliĝilon; tamen ili volis la kunsenton de dirigento. Mi sendis ĝin al nia Generala Sekretario, kiu tamen rifuzis subskribi kaj konsilis al mi peti perseson la estaro de UEB (!) Tamen, mi ne volis esti membro de la Brazila delegacio, sed de SEL.
Eĉ sem lia helpo mi sukcesis: Mi estus unu el la reprezentantoj de SEL!
Mi mendis 150 koltukojn (kiujr. ŝi tondis erare), 25 T-ĉemizojn, 10 mil vizit-kartojn, 100 KDjn kun "Pli Vastaj Horizontoj"; kontaktis UEA- k. TEJO-estraron kaj sukcesis subvencion por la partopreno de Marcelo. Pagis mian aliĝon kaj flug-bileton. Fiere iris al Argentinio.
Ĉe la dogano: - Kie ests via Pasporto? - Oni informis al mi ke por Argentinio mi ne bezonus pasporton. - Do, kie estas via verda identigilo. - Jen estas la ruĝa kaj la blua. Ambaŭ validas same kiel la verda. ... Kaj mi estis forpelita de Argentinio kiel se mi estus bandito.

Ĉiam prete via,

Roberto 

# Skolta Esperanto-Ligo

fondita en 1918



Centra TTTejo: http://ttt.esperanto.org/skolta
Diskut-listo: skolta-esperanto-ligo@yahoogroups.com
Estraro **prezidanto**: Franco Abriani, Via Falconetto 24, I 37131 Verona VR, Italio **ĝenerala sekretario**: Hector Campos G., Casilla Postal 231 Curico, 7ª region, Ĉilio <mochila@terra.cl> **kasisto**: David H. Withey, 1 Brookfield Ave, Waterloo, Liverpool, Britio L22 3YE

## Reto de Reprezentantoj

**Aŭstralio**: Kep Enderby, 2 Phoebe st., Balmain Sydney 2041 <kependerby@bigpond.com> **Aŭstrio**: S-ro Martin Báhr, Rasumofskygasse 2 /26, A-1030 Wien <mbaehr@stuts.org> **Belgio**: S-r o Arie Bouman. Driesdreef 8. B-9030 Gent, tel./fakso +32-9-227 48 41 **Brazilo**. Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo, 120 / 14 , 18048-105 - Sorocaba (SP) <eluiziobueno@bol.com.br> **Britio**: S-ro David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo Liverpool, L22 3YE, tel. (0)151 928 2936 **Bulgario**: D-ro Inĝ . Ĥristo Mandev, bul. Mogilev 2 II 19, Gabrovo 5306, tel. +359-66-23647 **ĉeĥio**: S-ro Pavel Sittauer, Hartmannova 1128. CS-67401 Trebiĉ, tel (0)618-21909 **Ĉilio**: S-ro Hector Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curico, tel (oficeja) +56-75-315377 (hejma) -310382, <mochila@terra.cl> **Danio**: S-ro Bjarke Nielsen , Erdalsvej 30., DK-2600 Glostrup, tel. 43 968973 **Finnlando**: S-ino Carola Antskog, Matkárr, FIN 25700 Kimito, tel. ±358-2-4213133 fakso (hejma): +358-2-423246. **Francio**: NR: S- ro Samuel Gaillard, 50, Avenue du Livradois, F-63800 Cournon-d'Auvergne. tel. +33-73-84.31.31 fakso: -34.77.20 <goelano@mconn.com.fr> **Hispanio**: Luis Gilpérez Fraile, Calle Alonso de Pineda 28, E 41007 Sevilla, tel (labora) 954570849 <luis@riskoes.com> **Hungario**: S-ro Aleksandro Pesti, Tó-u 20, H-6723 Szeged **Italio**: S-ro Franco Abriani, Via Falconetto 24, I-37131 Verona VR, tel.: +3945.525173 **Japanio**: F-ino Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, <BXL00154@nifty.ne.jp> **Kanariaj Insuloj:** Miguel (Luma Birdo) Cno. Verde, 101(Las Mercedes), 38293 La Laguna , Tenerife <lumabirdo@yahoo.es> **Kazaĥio**: S-ro Kabjan Edelbay, 637000 Pavlodar. Glavpost, DO BOCT, Kazakhstan **Koreio**: LEE Seung Yun (HL10DL/Junĉjo), Hwigyong-1 Dong, Seul Garden Apt. 509, Dongdaemun (130-092), Seoul, <amiko@chollian.dacom.co.kr> **Kostariko**: S-ro Marvin Segura, Aptdo 1913 San Jose, tel. (01) 585561 **Luksemburgo**: S-ro Guido Ricci, 98 rue des Trevires, L-2628 Luxembourg, tel. +352495052 <sabina.guido@tiscali.be> **Nederlando**: S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam tel. (0)75-6166931 <ko.hammer@planet.nl> **Norvegio**: P: Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schous vei 18 N-0572 OSLO telefono/fakso: 22350894 <esp.oslo@s.no> **Nov-Zelando**: S-ino Gwenda Sutton, 12c Herbert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, tel. +64-4-4730847, fakso –4730848 <Sir_Lancelot@compuserve.com> <100235.3407@compuserve.com> **Pollando**: S-ro Jaroslaw A.Fotyga, ul. Harnesie 21/34, PL-20-857 Lublin. tel. +48-81-711065 <upfotyga@klio.umcs.lublin.pl> **Slovakio**: Inĝ. Miroslav Havranek, P.O.Box 161, SK-83100 Bratislava, tel. +42-7-5332120 **Srilanko**: S-ro Roland Peries, 4 Sri Vijaya Road, Colombo 6 **Svedio**: kiel Finnlando **Usono**: S-ro Allan E. Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey 07410-4208, tel. 201/797-4884 fakso: 201/797-4984 <skolto@yahoo.com> #

# Niaj herooj sur la koloraj paĝoj de la oficiala UEAorgano

ISSN 0014-0635

revuo
**Esperanto**



Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio (en oficialaj rilatoj kun UN kaj Unesko)
98-a jaro • n-ro 1179 (3) • **Marto 2005**

## Sukceso en la skolta Ĵamboreo

**Fondita en 1918, Skolta Esperanto-Ligo, la unua internacia skolta organizaĵo, jen progresas, jen malprogresas. Jen ĝi havas bonajn rilatojn kun Monda Organizaĵo de la Skolta Movado (kiu fondiĝis poste), jen ĝi ricevas malpermesojn.**

Ĉi-jare, danke al la klopodoj de ArgenTejo, SEL sukcesis instali senpagan budon en la 12-a TutAmerika Skolta Ĵamboreo – grandega tendumado kiu okazas ĉiun kvaran jaron kun 13 mil partoprenantoj.

Ankaŭ la UEA-prezidanto komprenis la gravecon de la okazaĵo kaj petis al la samideanaro sendi salutkartojn al la evento. Antaŭ la inaŭguro la organizantoj volis scii, kio estas SEL, kaj kiu lingvo estas tiu de la kartoj.

La inaŭguro

TEJO subvenciis la aliĝon de la rovero *(skolto pli ol 17-jara, rim. de la red.)* Marcelo Daniel Lucero, kaj la redaktoro de La Skolta Mondo subvenciis la bud-materialon (10 mil modernaj vizitkartoj kun la nomoj de la dejorantoj, T-ĉemizoj, koltukoj, KD-oj kun la verko *Pli Vastaj Horizontoj en Skoltado*). Hans Bakker sendis 100 ekzemplerojn de la lernolibro *Jamborea Lingvo*. Pro stulta dogana burokrateco la estrarano de SEL ne sukcesis eniri Argentinon, tamen Marcelo kaj Fernando Inocenao laboregis – kaj ne povis persone profiti de la tre interesaj aktivecoj por roveroj. Sed ili ĉiutage varbis, ricevis milojn da interesitoj, instruis fulm-kursojn kaj intervjuiĝis ĉe la Jamborea radio. En kontakto kun la Ĝenerala Sekretario de Monda Skolta Movado, ili sukcesis kapti lian simpation al Esperanto. Nun ni esperu la samajn ŝancojn en EŭroJam '86 kaj en la gravega Jubilea Tutmonda Ĵamboreo en Britio 2007. Ni laboru kaj esperu!



La budo de SEL dum la Ĵamboreo

**Roberto Resende**





